ESPERANTO EN AFRIKO
Numero 5 (2008: 1)
Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA

*Karaj legantoj,*

*Pro la unua apero de nia komuna revuo por la nova jaro, necesas unue gratuli niajn bonkorajn legantojn pro iliaj apogoj sen kiuj apero de gazeto tre certe ne utilus. Saman okazon la redaktantaro kaptas por deziri ĉion bonan por la jaro 2008, precipe plian kunlaboradon efikan por la progreso kaj la bono de la afrika Esperanto-movado. Tiu ĉi kvina numero estas denove kanalo pere de kiu eĥoj el afriko aŭdiĝas.*

*La redaktantaro*

***

## UK PLI INTERNACIIĜU PERE DE PARTOPRENO DE AFRIKANOJ

En la unuaj kvar numeroj aperis alvoko al ĉiuj bonvolemuloj kaj mecenatoj por kontribui al partopreno de afrikanoj en Universalaj Kongresoj. La Esperanto-komunumo en Afriko daŭre restas vigla, kaj tre necesas ke ni flegu tiun viglecon per la solidareco de la komunumoj el aliaj partoj de nia terglobo. Vojaĝi por afrikanoj al okcidenta mondo, kie ofte okazas UK, postulas ne nur monon, sed ankaŭ tempon por pretigi necesajn dokumentojn por akiro de vizo. Restas kelkaj monatoj ĝis okazos la kongreso en Roterdamo; pro tio la Afrika Komisiono deziras kalkuli je la bonvolo de ĉiuj komunumoj el Eŭropo, Nord-Ameriko, Azio, Oceanio ktp por ke la venonta UK en Roterdamo vere ne okazu sen afrikanoj.

Ni antaŭdankas pro via kontribuo al UEA kun la indiko “Por afrikanoj al UK”.

*La Afrika Komisiono de UEA*

# AK-AGADOJ: VORTOJ DE LA KUNORDIGANTO

Karaj legantoj,

Sojle de nova jaro 2008 estas devo prezenti miajn bondezirojn al vi ĉiuj, legantoj de nia revuo. Samtempe, pro la graveco de de la nuna jaro, mi rememorigu pri ties kelkaj gravaj eventoj specifajn ĉu mondskale, ĉu afrikskale. Temas unuflanke pri la Internacia Jaro de la Lingvoj proklamita de Unuiĝintaj Nacioj, kaj aliflanke estas jubilea jaro de nia Universala Esperanto-Asocio. Konsekvence, nia agado ĉijara devas esti speciala. Kion konkrete ni faru? Ĉiu esperantisto simple pli agadu ekde sia plej proksima medio(je loka nivelo) ĝis la plej alta por informadi kaj disvastigi la uzadon de la internacia lingvo Esperanto. La unuopuloj, la kluboj, la fakaj kaj la landaj asocioj konsideru tion en la unuopaj agadplanoj. La jaro 2008 estu por ni okazo por manifestacii nian identecon kun konkretaj agadkampoj kiuj pli celu la neesperantistojn. Ni ĉiuj demandu nin pri nia kontribuo al la Internacia Jaro de la Lingvoj kaj al la jubileo kiun ni devas partopreni iel ajn. Dum tiu sama jaro okazos en Afriko tre grava evento tuj post la Universala Kongreso de Roterdamo. Temas pri ILEI-konferenco kiu devas okazi en Benino. Konsiderante ties gravecon, mi plu invitas afrikanojn faciligi la taskon al la organizantoj. La kursgvidantoj en diversaj landoj efike organizu aŭ reorganizu la kursojn kun regula raportado; la kursanoj konsienciĝu pri la antaŭvidita atingo kiu estas "produkti en Afriko altnivelajn Esperanto-instruistojn". Afriko bezonas tiujn membro-kategoriojn kaj tiajn E-eventojn por plifirmigi nian movadon. Do, laboran jaron al ĉiuj sen forgesi regulan raportadon pri via agado.

Samideane salutas,

*Aimé-Florent Ntoto Zola*
*Kunordiganto de AK*

***

# LANDAJ AGADOJ

## NIĜERLANDO

**Morala raporto de Niĝerlanda Esperanto-Klubo pri la jaro 2007**

La verda movado malrapide progresas en Niĝerlando. Post 2006, la vera lanĉo-jaro de nia laboro ĉi tie, 2007 estis riĉa je eventoj ĝojaj kaj malĝojaj. La faritaj eventoj de NEK en 2007 estas :

1) En la universitato de Niameo: NEK-reprezentanto prelegis plurfoje pri Esperanto kaj ĝia gramatiko, la historio de Esperanto, Esperanto kaj internacia komunikado, Esperanto kaj la rajto de homoj protekti siajn kulturojn kaj lingvojn, Esperanto kaj lingvaj problemoj, ktp. Instruistoj de la lingvistikaj kaj sociologiaj fakoj ofte komentis la internacian lingvon en siaj kursoj. NEK donis librojn kaj materialojn pri Esperanto al kelkaj profesoroj de la universitato.

2) Lande: En 2006 la internacia lingvo estis konata en nur du regionoj : Niameo kaj Agades. Nun ni havas aktivajn esperantistojn en du aliaj regionoj: Dosso kaj Tillaberi. Niĝerlando havas ok regionoj.

3) Pri la rilatoj kun aliaj kluboj : NEK laboris kun kluboj de la angla kaj la franca lingvoj. Ni ankaŭ laboris dum ses monatoj kun la sep plej aktivaj kluboj de junuloj en Niĝerlando super programo pri la rajtoj de infanoj.

4) Kun la orfejo de REMAR : Esperantisto de NEK, granda sociologo kaj ĝenerala sekretario de Unuiĝoj Junulaj por Espero (UJE), laboris kun la orfejo po tridek (30) horojn semajne dum du monatoj, tion farante senpage. Poste, la respondeculoj de REMAR petis la helpon de NEK por plibonigi la vivon en la orfejo kaj instrui Esperanton. Anoj de NEK estas sociologoj, instruistoj, ĵurnalistoj, lingvistoj ktp. Ĉirkaŭ kvindek infanoj vivas en la orfejo de REMAR.

Tri grandaj eventoj de NEK ne sukcesis en la jaro 2007. Ni klopodis organizi renkontiĝon de profesoroj en Lauzane. Sed la estro de la sekcio de lingvistiko en la universitato de Niameo, d-ro Issa Soumaré, tre malsanis en Lauzane, kaj – laŭ nia tradicio – d-ino Alimata Sidibé ne povis renkontiĝi kun la samideanoj (s-ro Claude Piron, la prezidanto de la movado en Lauzane kaj iliaj edzinoj). D-ro Soumaré forpasis la 14-an de aŭgusto en Niameo. Li estis granda subtenanto de la movado en Niĝerlando. La alia problemo estas la korespondaj kursoj de *Gerda malaperis* en Afriko. Ni ankoraŭ laboras por tion solvi. La lasta problemo estas ke NEK ne havas rektajn rilatojn kun la Afrika Oficejo.

Resume, 2007 estis bona jaro de la verda movado en Niĝerlando, rigarde al vigligado de NEK. Dum la jarkunveno de NEK, la anoj decidis labori kaj fortigi la movadon per la kreado de nova strukturo: PAKI (Paco, Amikeco kaj Kulturo Internacie).

NEK deziras ankaŭ danki la fondaĵon Mondo, kiu ebligis partoprenon de niĝerlandano en la ILEI-seminario en Benino (Porto-Novo).

*Yahaya Souleymane, Respondeculo pri informado kaj rilatoj de NEK*

## BENINO

La 5-an de januaro 2008 okazis kunveno je la 10-a horo sine de la Afrika Oficejo. Partoprenis Latifou Gbadamassi (landa kaj ILEI-a estrarano), Pierre Houenavo (landa kaj ILEI-a estrarano), François Hounsounou, Zinkpe Bénoit kaj Agbenou Francis (ILEI-aj estraranoj). La adoptita tagordo jenas:

I – Starigo de aktivecoj por 2008

II – Invitletero pri ILEI Konferenco 2008

III – Seminario

IV – Ceteraxjoj

Koncerne la unuan punkton, la landa asocio decidis festi la Internacian Semajnon de Amikeco. La loko elektita por akcepti la okazaĵon estas la vilaĝo Ayahohoue (legu Ajahohue) en la komunumo de Klouekanme en la departemento de Couffo (legu Kufo). La preciza ejo estas la mezgrada ŝtata lernejo de la tiea vilaĝo kaj ĝia aktiva Esperanto-klubo. La evento okazos de la 23-a ĝis la 24-a de februaro 2008. Koncerne la diversajn manifestaciojn, oni povas interalie noti: konferencon pri Esperanto, ekspozicion pri Esperanto-literaturo, -muziko, -gazetaro ktp, piedpilko-ludon.

Alia grava afero temas pri premio-disdonado. Fakte en la departemento de Kufo estas du aktivaj kluboj: Sankta Harmonio de la mezlernejo de Ajahohue, kaj Monda Familio de la mezlernejo

de Azove. Ambaŭ klubojn gvidas s-ro Latifou Gbadamassi, kiu ŝatas por la unua fojo kapti la okazon por stimuli siajn plej lertajn gelernantojn per premioj kaj instigi la aliajn al pli da lernado kaj agemeco. Ankaŭ kelkaj lernatoj de la klubo Rondo Familia de orfejo Nabouba de Lokossa (gvidita de Latifou ) ricevos premiojn. Ne mankos kvizo. Do, por bone sukcesi, ni petas premiaĵojn (legolibroj, vortaroj, revuoj , kartoj ktp) kaj muzik-kasedojn kaj diskojn ktp por ludi kaj ankaŭ por la ekspozicio, kaj aliaĵojn por la piedpilko-ludo. Ĉia helpo estus bonvena inkluzive de monhelpo. Poste ni sendos la precizan programon kaj la buĝeton.

Pri la dua punkto, la kunvenintoj respondecigis la landan asocion pri prizorgo de la invitletero.

La tria punkto temas pri la seminario antaŭvidata de la ILEI-sekcio de la 2-a ĝis la 4-a de majo. Ceteraĵoj konsistis el vojaĝrondoj tra kluboj planita de ILEI-sekcio, kaj antaŭvidita eventuala karavano de Pierre Houenavo kun liaj gelernantoj kaj gravuloj invitotaj por la Semajno de Amikeco.

*Latifou Gbadamassi, Prezidanto de AbeE (Benina landa asocio)*

## TOGOLANDO

### 15-a TEK: diskutforumo pri Esperanto en la ĉiutaga vivo




*En Europo kiam ni komencis lerni Esperanton oni diris ke neniu parolas ĝin. Sed dum via kongreso ni estas ege surprizitaj ĉar vi ĉiuj parolas en Esperanto. Tio ĉi donas al ni novan energion daŭrigi la lingvan lernadon*. Tiel esprimiĝis franca juna paro Samy kaj Sandra ĉe la 15-a Togolanda Esperanto-Kongreso (TEK), okazinta de la 28-a ĝis la 30-a de decembro 2007 en la urbo Aneho. La kongresa temo – Esperanto en la ĉiutaga vivo – elmontras la vervan deziron de togolandaj esperantistoj uzi la internacian lingvon en la familia kaj en profesia vivoj. La diskuto pri la temo emfazis ankau la fakton, ke la agado de la landa asocio devas baziĝi sur kunlaborado, honesteco, bonvelemo, sindonemo, kaj peresperantaj agadoj de ĉiuj ĝiaj membroj cele al tuta sendependiĝo de la nacia movado.

Dum la kongresa periodo okazis prelegoj pri Zamenhof kaj futbala maĉo kadre de la festo de la 15-a de decembro, lingva kurso, ekzameno, laborkunvenoj, diskutoj, distraj programeroj, kaj disdono de atestoj kaj diplomoj al la sukcesintoj ĉe la ekzamenoj de la landa sekcio de ILEI en Togolando. Estis priparolata ankau aranĝo de IJK en Afriko. Tial oni povis informiĝi pri starigo de provizora LKK, kiu prizorgas la kandidatiĝon de Togolando al la invito de la 65-a Internacia Junulara Kongreso en 2009.

La 15-a Togolanda Esperanto-Kongreso, markante la dudekjariĝon de la nacia movado, disvolviĝis sukcese. Tamen la plimulto el ĉirkau sepdeko da partoprenantoj el Francio kaj el kluboj, sekcioj, organizoj de Unuiĝo Togolanda por Esperanto estis gejunuloj. Tio klare ankaŭ indikas, ke la movado en Togolando certe montras por estonteco bonan aŭguron, se konsideri la fakton ke la infano estas la patro de la homaro.

Post la kongreso okazis unusemajna grupa vojaĝo tra la lando. Ĝin partoprenis unu togolandano kaj du gefrancoj sub mia aranĝo. Dum la rondiro oni vizitis kampojn de kotono, kakao kaj kafarboj, bazarojn kaj metiistajn laborejojn, kaj admiris la pejzaĝojn surmontarajn. Same la partoprenantoj povis sperti la geografian diferencon inter la sudo kaj la nordo de Togolando. La postkongresa aranĝo fine kroniĝis per vizito al la vilaĝo Kutamatu, kiu estas en la listo de la protektata monda heredaĵo de Unesko.

*Adjévi Adjé*

***

# CETERAĴOJ TRA AFRIKO KAJ LA MONDO

## RIĈECO DE AFRIKAJ LINGVOJ

Mi okupiĝis iomete pri la strukturo de afrikaj lingvoj, ekz. Wolof en Senegalio kaj Fon en Benino. Mi estis surprizata kaj impresata pri la riĉeco de tiuj lingvoj. Kompare kun eŭropaj lingvoj mi konstatas: riĉecon de formoj, de la gramatiko, de la vorttrezoro. Nekredeble por eŭropanoj! Kun specialaj vortoj por la diferenco en la aĝo de la alparolata. Kaj la diferenco en la rilato al la parencoj interalie, ktp ktp. Kaj ofte la afrikaj lingvoj ankoraŭ ne tre longe posedas propran skribsistemojn. La tuta gramatiko kaj lingvouzado do estas en la kapoj de la uzantoj. Hodiaŭ mi tute ne miras pri la afrikanoj kaj pri ilia kapablo regi lingvojn kaj lerni novajn.

Karaj afrikaj amikoj: estu fieraj pri via propraĵo, pri via riĉeco, pri via kapablo.

*Gerhard Hirschmann*

## BONDEZIROJ KAJ PRIPENSADO

Karaj samkontinentanoj,

Kristnasko verŝajne estas unu el la plej gravaj festoj en Afriko, eĉ por tiuj kiuj ne estas religiemaj. Ĉar tiu festo okazas kelkajn tagojn antaŭ alia grava festo (la novjara festo), mi kaptas tiun ĉi okazon por ne nur bondeziri, sed ankaŭ inviti aŭ instigi al pripensado al la afrika movado. Ne temas en tiu ĉi klopodo pri necesa trovo de kulpuloj, pro kiuj nia movado ne sukcesas, sed precipe pri tio kion ni ne faras por la evoluo de nia movado. Ĉiam estas pli facile kulpigi iun alian pro sia propra mispaŝo ol kuraĝe konfesi por alfronti la realecon. Tiu klopodo precipe celas al tio kion ni ne faras, por ke la sukceso de la afrika Esperanto-movado estu ankaŭ la rezulto de agadoj fare de afrikanoj. Malfeliĉe, anstataŭ diskuti pri konstruivaj aferoj, ni ofte preferas unue diskuti pri tute personaj aferoj. Mi deziras, ke ekde la nova jaro 2008 ni serioze ekdiskutu pri tute konkretaj aferoj, kiujn ni povas fari por ne eterne dependi je helpoj de eksterafrikanoj. Devus unue temi pri tute respektoplena diskuto, debato kaj proponoj de farendaĵoj, kaj ne pri kritikema sinteno. Kiam oni kritikas por malfondi ion, oni devas esti kapabla fari tute realisman proponon.

Espereble ni pli konkrete kaj realisme interparolos dum la nova jaro 2008.

Samideame via
*Jean Codjo*

# AFRIKO ZAMENHOFE FESTAS

**Kongo DR**

La 15-a de decembro estis la plej grava tago. Fakte, la Zamenhofa Tago estis festita prelege al neesperantistoj kun altnivela prelego de sinjoro Jean Bosco Malanda Lutete kun la temo "*Espéranto, une autre et haute idée de la communication*". La prelego estis tiel interesa ke la urbestro de Mbanza-Ngungu varbiĝis surloke. Dum la ferma vorto kiun li adresis, li informis la partoprenantojn pri sia apogo senkondiĉa al la Esperanto-movado en Mbanza-Ngungu kaj pri sia deziro eklerni la lingvon. Konkretigis la prelegon ekspozicio de Esperantaj materialoj (libroj, kartoj kaj sonbendoj). Pli grave, la tuta prelego estis elsendita de la loka radiokanalo "Vuvu Kieto" (Nia Espero), kaj la loka televidstacio RTK elsendis interesajn komentojn. Ĉi tio permesis ke nia mesaĝo atingis milojn da homoj.




*Parto de la seminarianoj: la urbestro (blue vestita) konversaciante kun sinjoro Ngangu.*

*Florent Ntoto*

**Komoroj**

Mi informas al vi, ke ni sukcesis okazigi la duan Zamenhofan Tagon en nia lando dum la 14-a ĝis la 15-a de decembro 2007. La aspekto estis pli bona ol la lasta, unua Zamenhofa Tago, sed ni intencis inviti malsamajn reprezentantojn de la komora ŝtato kaj ambasadejoj, kaj reprezentantojn de ne-ŝtataj organizaĵoj; sed laŭ niaj financebloj ni ne atingis tiun celon; oni festis nur inter si, la geklubanoj, la vilaĝestro kaj la vilaĝanoj. Ĝenerale ĝi bone pasis.

*Ali Mze Mihidjahi*

**Benino**

Jen ĝenerala raporto pri memorinda Zamenhof-Festo en Koĝi (Kodji).

Laŭpromese ni sukcesis okazigi la memorindan feston titolitan Zamenhof-Tago en la lernejo Jules Verstaeten de la vilaĝo Koĝi. Jam de la deka horo la lernejo plenpleniĝis je la gelernantoj kaj je multaj klubanoj veninta el diversaj najbaraj vilaĝoj de Koĝo. Resume pli ol tri cent partoprenintoj gustumis tiun verdflaman feston. Du klasĉambroj preskaŭ ne povis elteni ĉiujn, do multaj restis ekstere. Je la dekunua horo la festo estas malfermita oficiale de s-ro Pierre, la fakinstruisto pri Esperanto en tiu lernejo, kaj de s-ro Francis, la oficisto de UEA.

Resume jen la tagordo pri la festo:

1 – Okazis multaj klarigoj pri L.L. Zamenhof, la kreinto de Esperanto.

2 – Memoro pri la forpasintaj kontibuintoj de la Lernejo J V (Jules Verstraeten kaj Henning Hauge).

3 – Diskuto kun la ekzercintoj pri la *Gerda*-kurso, kaj klarigo pri la kriterioj por partoprenadp en la grava konferenco de ILEI en 2008.

4 – Kolekto de informoj de la gelernantoj pri la ILEI-konferenco, pri la *Gerda*-kurso, kaj pri la kurso *Cours de la langue internationale espéranto*.

5 – La oficiala donac-transdonado de AO al delegacio de la regiona Esperanto-asocio.

6 – Vizito kaj fotado ĉe la monumento Henning Hauge.

Premioj estas disdonitaj al gelernantoj laŭ la respondoj al demandetoj por atesti la lingvokonon de la gelernantoj. Kalendaretoj estas disdonitaj, iuj donacitaj de s-ino Gisela Passarella en Francio, kaj aliaj flavaj poŝkalendaretoj donacitaj de Flandra Esperanto-Ligo.

*Kodjovi Francis Agbenou*

**Angolo**

Sabate la 15-an de decembro 2007, esperantistoj de Angolo festis la Zamenhofan Tagon de la 10-a horo ĝis la 15-a horo en la universitato Lusiada en Luanda. Estas invititaj: ministroj de kulturo kaj edukado, ambasadoroj de Nederlando kaj Francio, universitatanoj, respondeculoj de diversaj societoj, respondeculoj de Unesko en Angolo, mondcivitanoj, ĉiuj kluboj esperantistaj kaj la Esperanto-domo. Jen, ni profitis prezenti propagandilon kaj programon en portugala lingvo.

*Michel Dialundama, por la estraro de Angola Esperanto-Asocio*

## IJK IAM EN AFRIKO

**Togolandano ĉe la 63-a IJK**

*Mi havis la ŝancon partopreni en agrabla Internacia Junulara Kongreso de TEJO kaj konatiĝis kun novaj geamikoj. Mi sentis min kiel en familio.* Per ĉi tiuj frazoj mi povas nun resumi mian rememoron pri la 63-a IJK en la vjetnama ĉefurbo Hanojo, de la 27-a de julio ĝis la 3-a de augusto 2007.

Ĉe mia alveno ĉe Noi Bai-flughaveno nokte, atendis min tie s-ino Volga kun Esperanta flageto kaj montropapero sur kiu estas skribita mia tuta nomo. Tio ĉi ebligis al mi direktiĝi tuj al ŝi sen troa peno. Ŝi dece akceptis min kun ĉarmaj helpantinoj kiuj poste akompanis min al la kongresejo je longa distanco de la flughaveno.

Okazis prezentado de kantoj kaj ankaŭ ludoj dum la interkona vespero, ebligante nin konatiĝi reciproke. Tiu ĉi ero de la programo disvolviĝis en interfratiga etoso. Mi havis honoron fari personan kontakton kun la prezidanto de UEA, d-ro Renato Corsetti, kaj manpremis lin. Li tuj vokis min per mia nomo kiam li ekvidis min, kaj prezentis min al siaj kunirantoj. Mi ĝojis havi tiun bonan momenton kun tiu elstara membro de UEA. Ni volis daŭrigi la babiladon poste, sed tio ne okazis pro manko de tempo.

Dum la inaŭguraj ceremonioj okazis tradiciaj prelegoj de la prezidantino de LKK, de eminentaj membroj de TEJO kaj UEA, de lokaj aŭtoritatoj, kaj prezento de folkloraj grupoj. En la halo estis ankaŭ multaj amaskomunikiloj; mi donis intervjoon al loka gazeto danke al traduka helpo de Dzung, aminda vjetnama komencantino. Ŝi sufiĉe bone regas la francan lingvon kaj tio ĉi ege helpis la komunikadon inter ni. La matenajn programojn kronis grupaj fotiĝoj je la fino de la prelegoj.

Post prelego pri la temo "Vjetnamio survoje al renoviĝo" kaj la vespermanĝo, ni ĉiuj enbusiĝis, iris rekte al surakva popteatra spektaklo kaj poste al nokta bazaro. La sekvatagan duontagan ekskurson mi ne povis partopreni kvankam temis pri interesa programo. La tuttaga ekskurso

al la golfo Ha Long mi partoprenis. Kvankam estis longa distanco por forveturi, tiu vizito valoris la penon. Jen ni travagadis per boatoj tra pli ol 2 000 kalkaj rokoj, montetoj elstarantaj sur la mar-surfaco. La ekskurso poste kondukis nin al groto kie ni enpiediris por pli bone admiri tiun naturan domegon.

Dum la kongresa periodo mi donis prelegon pri mia hejmlando. En mia programo partoprenis nemultaj personoj: nur dudeko da kongresanoj venis, ĉar samtemp okazis alia duontaga ekskurso al la maŭzoleo de prezidento Ho Chi Minh, al la Unupiliera Pagodo, al la Okcidenta Lago kaj al la Pagodo Tran Quoc. La nombro de ĉeestantoj ne estis sufiĉe granda, sed la etoso estis vigla kaj mia programo, kvankam antaŭvidita por nur unu horo, dauris plu. La partoprenantoj faris multajn demandojn pri kiuj ili ricevis kontentiĝojn tra miaj klarigoj.

Mi volis partopreni en ĉiuj programoj, sed multaj okazis samtempe kaj mi ne povis. Nur kelkajn mi partoprenis, inter kiuj estis la kurso pri la vjetnama lingvo per Esperanto, filmoj pri Hanojo kaj ĝia Zamenhof-strato, kaj akcepto fare de la Hanoja urbestro. Tie ni ricevis kiel simbolan donacon memorinsignon pri la urbo. Mi partoprenis ankau en la renkontiĝo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj cele al honorigo per memor-medalo al la prezidanto de UEA, sen forgesi la koncerton kaj ĉiunoktan diskotekon dum kiuj ni freneze dancis kaj bierumis danke al malavara aranĝo de aŭstriaj geesperantistoj.

Partoprenis en tiu ĉi kongreso 145 geesperantistoj el 35 landoj de la mondo. Mi vere havis bonegajn momentojn dum la kongresa periodo. Mi havis amikajn kaj privatajn diskutojn, faris memor-fotiĝojn kun preskau ĉiuj kongresanoj. Dum la emocia momento de adiaŭo kaj disiĝo ni promesis renkonĝiti denove ie en Esperantujo.

Kaj nun, denove en mia patrolando, mi multe interesiĝas pri la invito de IJK por ke tiu denova renkontiĝo en Esperantujo povu okazi en Togolando en 2009. Certe estos la ŝanco, por togolandanoj aparte kaj por samkontinentanoj ĝenerale, sperti multnombre tiun etoson de la tutmonda junulara organizaĵo tra ĝia jar-renkontiĝo, la IJK!

*Adjevi Adje*

## NEKROLOGOJ

Perdo de pliaj amikoj de afriko.

**Els Kervers-Van Tholen**

La 20-an de novembro 2007 post nelonga malsano mortis Els Kervers-Van Tholen, aĝanta 92 jarojn. Ŝiaj grandaj meritoj por Esperanto en Nederlando kaj en Afriko nepre estu memorataj. Dum dekoj da jaroj ŝi instruis al afrikanoj kaj korespondadis kun ili. Ŝi vojaĝis en 1991 kun siaj filino kaj nepo al Benino kaj Niĝerio.

*Hans Bakker (el* FEN-X, *revuo de Esperanto Nederland, 2008/1, paĝo 4)*

**Jules Verstraeten**

Tre aktiva kaj energiplena mondskale konata esperantisto, Jules forpasis la 17-an de septembro 2007. Lia agado eterne estas ĉizita en la memoro de la enloĝantoj de la vilaĝo de Codji (Benino), kie staras lernejo kun lia nomo.